# BOLETÍN

DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

## EL FERROL ATENDAS VIN



ĜARDENOJ DE NKTA FRANCISKO

N° 214 MARZO ABRIL 1976

## BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

**Directora:** Doña Carmen Payá Mira
**Dirección y Administración:** Oficina Central - Rodríguez San Pedro, n° 13, 3° n° 7 - Telf. (91) 446 80 79 — MADRID-15.
**Redactor Jefe:** Don Salvador Aragay Galbany - Bassegoda, 40 Telf. (93) 240 14 28 — BARCELONA-14.
**Comité Provisional de Redacción:** D. Liberto Puig, D. Giordano Moya, D. Vicente Hernández, D. Gabriel Mora Arana, D. Pedro Nuez, D. Luis Izaguirre, D. Rafael Herrero y D. Juan Devís.


## ADRESOJ

**HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO**

**Centra Oficejo:**
Srt. Rodríguez San Pedro, 13 — 3°, 7
Teléfono (91) 446 80 79
MADRID-15

**Prezidanto:**
S-ro Angel Figuerola Auque
Str. Víctor de la Serna, 19 — 7°
MADRID-16

**Sekretario:**
S-ro José Mª González Aboín
Centra Oficejo

**Kasisto:**
S-ro Gerardo Flores Martín
Str. Presidente Carmona, 2 — 8°
MADRID-20

H.E.F.—Ĉekkonto: N° 8.362-271
Banco Español de Crédito
Str. Diego de León, 54
MADRID-6

**Libroservo de H.E.F.:**
S-ro Félix Gómez Martín
Centra Oficejo

**Informa-servo de H.E.F.:**
Centra Oficejo

**Eldona Fako:**
F-ino Inés Gastón Burillo
P° Marina Moreno, 35 — 4°
ZARAGOZA

---

La enhavo de la artikoloj ĉi tie publikigitaj ne reprezentas la oficialan opinion de H.E.F., escepte en okazo de oficiala komuniko; ĝi ankau ne reprezentas la opinion de la Redaktoro; do, pri la artikoloj respondecas la autoroj mem.

---

Se ruega a todos los asociados que aún no hayan satisfecho sus cuotas del corriente año 1976, remitan el importe de las mismas por giro postal directamente al Tesorero (Gerardo Flores, Avda. del Presidente Carmona, núm. 2, Madrid-20), o bien, **a nombre de la Federación Española de Esperanto**, por giro postal o transferencia bancaria, a la cuenta corriente núm. 8.362-271 en el Banco Español de Crédito (Diego de León, núm. 54, Madrid). Se insiste en que la cuenta **está a nombre de la** Federación, no del Tesorero. No conviene utilizar talones o cheques, por los elevados gastos que, en proporción, originan; pero, de utilizar este medio de pago, los talones deberán extenderse a nombre del Tesorero. Muchas gracias.

**Gerardo Flores, Kasisto de HEF**

# Saludo y ruego del Presidente de la Federación Española de Esperanto

*Durante siete años consecutivos, he tenido la satisfacción de dirigirme, con renovado entusiasmo y fe en el común ideal, a todos los miembros de la Federación Española de Esperanto; a los esperantistas españoles, y a los simpatizantes, para enviarles, a modo de mensaje, mi saludo cordial junto con el ruego de su adhesión y asistencia a los Congresos españoles que se han realizado sucesivamente desde Asturias a Valencia y desde Cataluña a Galicia, pasando por ambas Castillas, dando en todo momento testimonio de la realidad del Esperanto y de la vitalidad del movimiento esperantista español, puesto que todos estos Congresos han terminado coronados por el éxito, poniendo de manifiesto rasgos peculiares del mayor interés en relación con sus fines y acrecentando el inagotable entusiasmo de los asistentes.*

*La sola causa de pesar que nos brinda la consideración de estos hechos es que, por dificultades insoslayables en el orden práctico, no hemos podido hacernos presentes en otras regiones que admiramos y amamos asimismo, con todo el rigor de nuestro espíritu, y que indudablemente habrán de ser sedes futuras de los próximos Congresos de Esperanto.*

* * *

*Dentro de relativamente pocas fechas —del 21 al 24 del próximo julio— tendrá lugar el XXXVI Congreso Español de Esperanto en la hermosa ciudad de El Ferrol del Caudillo. Allí acudiremos cuantos podamos, llenos de ilusión, con la certeza de que vamos a asistir a un acontecimiento esperantista memorable:*

*a) Por los resultados que se perfilen en las sesiones de trabajo, donde tal vez se aprueben resoluciones de extraordinario interés. Entre otras, la iniciación de una campaña metódicamente organizada, tendente a lograr la inclusión del Esperanto en los programas de Enseñanza Básica (segunda etapa).*

*b) Por el hecho de que la Junta general de la Federación Española de Esperanto tiene que tomar conciencia para adoptar soluciones adecuadas a los problemas que se producirán en breve en relación con la Junta Directiva: a finales del presente año, elección (o reelección, en su caso, si procede reglamentariamente) de la casi totalidad de los vocales; necesidad de ampliación del número de éstos, a fin de que Canarias, Andalucía y Castilla la Nueva-Extremadura, tengan representantes que trabajen conforme a las normas que se vienen aplicando (caso de que esta ampliación sea acogida favorablemente, deberá solicitarse de la autoridad competente la reforma de los artículos pertinentes de los Estatutos de nuestra Federación), y, por último, el que el grupo ejecutivo, residente en Madrid, finalizará reglamentariamente su función el 31 de diciembre de 1977.*

*c) Por la labor acertadísima que viene realizando con esmero y dedicación el Comité Local organizador del XXXVI Congreso Español de Esperanto, presidido por el ilustrísimo señor don Eduardo Gavira Martín, para preparar un programa de actos que llene los aspectos específicamente culturales y artísticos del Congreso que proyectamos realizar, brindando a los congresistas, al propio tiempo, gozar de la proverbial hospitalidad de Galicia y conocer íntimamente los hombres y las tierras ferrolanas, con sus magníficos paisajes y sus maravillosas rías.*

*Recibid este mensaje que os envío movido por el deseo de que este XXXVI Congreso figure dignamente en lugar preferente dentro de la cadena de los Congresos españoles de Esperanto. A todos... ¡hasta el Congreso!*

**Angel FIGUEROLA**

Kiam mi redaktas ĉi-tiun rubrikon, iom frue pro redakcia postulo, eĉ ankoraŭ antaŭ la ricevo de la unua ĉi-jara ekzemplero de "Boletin", alvenis kompreneble neniujn reagojn al mia unua rubriko.

Por la venonta mi fidas je kelkaj partoprenantoj kaj mi alvokas vin ĉiujn respondeculojn de Grupoj kaj kunlaboremajn gesamideanojn alporti viajn sugestojn kun la celo plibonigi ĉu nian bultenon ĉu niajn Kongresojn ĉu niajn Grupojn kaj viajn spertojn sukcesintajn aŭ ne, ĉar tiu interŝanĝo certe estos la plej bona rimedo por nia fruktedona evoluo. La progresigo de nia movado je ĉiuj niveloj, loka, regiona kaj enlanda, estas ĉies morala devo, ne nur de la respektivaj gvidaj estraroj, kiuj nepre devas kunordigi ĉiujn kunlaborojn, anstataŭ malhelpi ilin. Jen devizo kiu certe utilos al ni ĉiuj kaj eble estus eĉ rekomendinde gravuri sur ŝildon kiu devus pendi en ĉiuj grupejoj.

"Ciam antaŭmetu la intereson de la movado super ĉies persona fiero".

## LOKAJ ESPERANTO-HISTORIOJ

Mi opinias, ke estus tre interese, ke ĉiu Esperanto-Grupo verku sian propran historion, ekde la plej frua tempo, por posta diskonigado per "Boletin", kaj cetere, ĉiun unuopan historion estus eble kromplublikigi kiel monografion, ĉu presse ĉu multoblige, laŭ la kosto. Tre konvenus ĝin riĉigi per adekvataj fotograĵoj.

Certe en ĉiu Grupo troviĝas unu aŭ pluraj veteranoj, kiuj povus sin dediĉi al tiu-ĉi interesa kaj pacienca tasko. Tiucele povus ilin tre adekvate helpi nia bone provizita Hispana Esperanto-Muzeo-S. Pablo de Ordal (Barcelona).

Sendube la ĝisfunda kono de la propra historio stimulos la nuntempajn kaj estontajn aktivulojn al plua evoluo kaj plibonigo. La kompilitan materialon ni povus uzi venonte por publikigo de Hispana Esperanto-Historio.

Kaj jen ebla rimedo por financado de ĉi-tiu kaj aliaj monumentaj verkaĵoj. Publikigi ilin periode kiel kajeroj per antaŭkompromisiga abono, kio faciligos kaj ĝian aĉeton kaj ĝian legadon. La redakcio povus oferi je la fino egalan bindadon, sed ĉiu abonanto mem povus solvi la bindigon, ĉar certe nur la enhavo gravas.

Liberto Puig Gandía



# CENTRO DE ESPERANTO SABADELL

## ĜENERALA ORDINARA KUNVENO 1976

Kiel antaŭvidite, la 25-an de januaro oni okazigis la Ordinaran Ĝeneralan Kunvenon. Antaŭe, estis sendita la oportuna kunvokilon al ĉiu membro de la Societo.

Pro manko de la necesa kvorumo, la kunveno komenciĝis en dua alvoko. La junulara reprezentado estis la plej nombra. Post kelkaj vortoj de bonveno fare de la Prezidanto, komenciĝis la Kunveno.

Sekvante la tagordon, la Sekretario legis la protokolon de la antaŭa kunveno, kiu estis aprobata sen nenia rimarkigo. Sekve, la Sekretario parole prezentis la resumon de la laboro realigita kaj ne realigita dum la jaro 1975, kaj kiun oni povas ekstrakti jene:

Okazigo de la Kunvenoj Ordinara kaj Eksterordinara. Societa Festo. Partopreno en la loka Foiro de la Libro. Partopreno kaj kunlaborado en la festo en kiu transdonis la Premion "Klara Silbernik". Partopreno kaj kunlaborado en la 35-a Hispana Kongreso de Esperanto, okazinta en Lerido. Organizi la 17-an Katalunan Esperantistan Renkontiĝon en Gerono. Okazigi la Feston Zamenhofan kaj la 25-an datrevenon de nia societo.

"Sabadell Esperantista" aperis regule. Nia apogo al U.E.A. Plian jaron, nia programo "Esperanto la Lengua Internacional", troviĝis en la anteno de EAJ-20 Radio Sabadell. Oni organizis kursojn je niveloj: infana, elementa, meza kaj supera. La nombro de nia membraro la 1-1-1976 estis 212 kunsocietanoj. La sekcio "Rondo de Esperantistoj Libro-Amikoj" tute malaperis.



**F-ino Marta Lladó Morgades "Pubilla de Centro de Esperanto Sabadell por 1976**

La Libro-Servo en sia dujara ekzisto havis kontentigan rezulton, la libroj venditaj atingis la monsumon da 83.250 pesetoj. La nomataj "praktikoj de Esperanto" ne estis kontentigaj. La kurso per korespondado iom stagnis. En nia internacia konkurso de teatraj verkoj, prenis parton 15 personoj; kiel antaŭvidite oni premiis du aŭtorojn, unu el ili, S-ino N. Nedelĉeva, jam estis nia gasto, la alia, la juna polo T. Chemilek venos al Sabadell en la monato septembro. Oni aĉetis diversajn aĵojn, el kiuj menciindaj estas: multobligilo kaj elektra skribomaŝino marko I.B.M., kaj nia kunlaborado en la loka ĵurnalo "Sabadell" estis konstanta la tutan jaron.

Kiel anoncis la kunvokilo kaj por la unua fojo, la sekcioj infana kaj junulara prezentis siajn proprajn aktivaĵojn kaj projektojn. Nome de la infana Sekcio parolis F-ino Magda Clerch, kiu kun Eulalia Giner de Viladelmás estas la veraj motoroj de ĉi tiu Sekcio. Magda Clerch rimarkis, ke kvankam ĝis nun la rezultatoj ne estas tre optimistaj, la estonteco estas plena de espero, ŝi menciis ankaŭ la ekonomian helpon de gesinjoroj Criach-Galbany. Inter la projektoj de ĉi tiu sekcio, troviĝas la deziro intensigi la kursojn, kunlaborado en "Sabadell Esperantista" kaj eble, registro de disko kun kanzonoj en Esperanto.

Nome de la Junulara Sekcio, informis la juna Francesc Soley, kiu resumis ĝiajn aktivaĵojn jene: Kunlaborado en la bultenoj "Sabadell Esperantista" kaj "H.E.J.S.". Kun malmulta sukceso sed organizado de la 1-a Festivalo de la Esperantista Junularo. Ĉeesto al la kunveno de H.E.J.S. en Zaragozo. Kunlaborado en la Festo "Klara Silbernik", Nacia Kongreso de Esperanto en Lerido kaj Kataluna Renkontiĝo en Gerono. Organizado de la 3-a Aŭtuna Esperantista Junulara Renkontiĝo: kunlaborado en la Festo-Zamenhof kaj 25-a datreveno de nia Societo.

La projektoj de ĉi tiu Sekcio por la nuna jaro estas, krom la tradiciaj aranĝoj, ĉeesti la Kunvenon de H.E.J.S. en Santander. Surscenigo de teatraĵo okaze de la Nacia Esperanto Kongreso en El Ferrol, kaj ebla ĉeesto al la Internaciaj Kongresoj de UEA kaj TEJO. Eldoni monografiojn, k.t.p. La Kasisto kaj Kontisto, informis pri la ekonomia situacio, kies bilanco estis favora, danke al la donacoj kaj bonhavo de la loterio Kristnaska 1974. Por la nuna jaro ne estos plialtigo de la kotizo. La buĝeto por 1976, estos proksimume je 155.000 p-toj; kompreneble, la enspezojn oni kalkulis proksimume je la sama kvanto.

La projektoj de la Centro por la nuna jaro, krom tiuj normalaj por nia societo, oni antaŭvidis: intensigon de la praktikoj en Esperanto. Efikan informadon. Kunlaboradon, regione, kun la Kunordiga Kataluna Komitato, je nacia nivelo, kun H.E.F., kaj internacie, kun U.E.A. Organizi kursojn ĉiunivele. Oni plibonigos la Perkorespondan Kurson, per du aŭ tri "kasetoj", kiuj enhavos la leciontekstojn de la Kurso.

---

# EKSTERORDINARA KUNVENO 1976

Komenciĝis ĉi tiu kunveno per la nura mencio en la tagordo: Parta renovigo de la estraro, postenoj: Vicprezidanto, Vicsekretario, Kontisto kaj du voĉdonantoj; je la fino, la estrato formiĝis jene:

| | |
|---|---|
| Prezidanto . . . . . . . . . | Liberto Puig Gandía |
| Vicprezidanto . . . . . . . | Santiago Torné Grau |
| Sekretario . . . . . . . . . . | Luis Serrano Pérez |
| Vicsekretario . . . | Jaume Armengol Domenech |
| Kasisto . . . . . . . . . . | Martín Armengol Llobet |
| Kontisto . . . . . . | Josep M.ª Galofré Domingo |
| Voĉdonantino . . . . . . | Magda Clerch Regull |
| Voĉdonanto . . . . . . | Sebastiá Ribes Garolera |
| Voĉdonanto . . . . . . | Artur Armengol Furriols |
| Voĉdonantino. . . . | Montserrat Cañella Arsegol |

Sekretario L. Serrano



# aktivaĵoj de la esperanto-grupo "fido kaj espero" semajno de internacia amikeco

Kun granda entuziasmo oni celebris la Semajnon de Internacia Amikeco, kiu jam fariĝis tradicia, inter la diversaj aranĝoj organizataj de nia Grupo dum la tuta jaro.

La 25-an de Februaro, nia kunsocietano M. Cantalapiedra alparolis esperante pri "Esperanto, lingvo de amikeco". En sia certe interesa prelego M. Cantalapiedra diris inter alie, ke ĉiuj esperantistoj festas ĉiujare la amikecon, ĉar nur la internacia lingvo, kies fundamento estas paca, estas pli legitimita por montri la fratecon kaj la amikecon inter la esperantistoj. Pro tio D-ro Zamenhof kreis Esperanto ne nur kiel alian plian lingvon, sed kiel la plej bona komunikilo inter la homoj. Jam la unua Kongreso Universala, montris la amikecon inter la esperantistoj, kiuj interparolis kiel neŭtralaj homoj, kiam tiuj samaj homoj estis inter ili fremdaj la antaŭkongresan tagon.

Ankaŭ la esperanta Himno bone montras tiun aspekton "En la mondo venas nova sento"... kaj ne diras novan lingvon, sed ion pli spiritan, kaj poste mencias la amon, la harmonion, indikante ke ne estas nur la espero de nova lingvo, sed io pli profunda por la tuta homaro. S-ro M. Cantalapiedra estis premiata per tondra aplaŭdado.

Sekvis tre interesa kolokvo. Lotumado de esperantaj libroj kaj gustumado de manĝaĵoj kaj trinkaĵoj per kiuj la estraro malavare regalis la ĉeestantaron, metis finan punkton al la programo de la jam menciita tago.

La 27-an de Februaro denove ni kunvenis, ĉi-foje por aŭdi hispanlingvan prelegon de Pastro Patricio Fuentes, karmeliano, pri "La amikeco en la Sankta Biblio", kiu bone studis la amikecon laŭ la fama verko de Cicerono "De Amikeco" kaj laŭ la Biblio, kie aperas la vorto "amiko" 127 fojojn kaj kie la ekzemploj de amikeco estas tre konataj, speciale la amikeco inter Jesuo kun sia amata disĉiplo.

Dimanĉe la 28-an, en la Kapelo de Altkolegio "La Salle", Pastro Patricio Fuentes kaj Pastro Jonás Castro kuncelebris Sanktan Meson esperante. Ĝi estis fervore sekvata de la multaj ĉeestantoj.

Bankedo en "Hotelo Inglaterra" kun ĉeesto de 23 personoj, estis la lasta ero, de la diversaj aranĝoj programitaj por la ĉi-jara Semajno de Internacia Amikeco. Laŭ sugesto de nia membro S-ro Piquero, oni faris monkolekton, favore al la viktimoj de la Gvatemala tertremo, tiamaniere, per kontribuo da 3,500 pesetoj, la ĉeestantoj vere pruvis siajn amikajn sentojn, al tiuj kiuj pro grandega katastrofo certe bezonas nian helpon.

L. Hernández

# NIAJ GRUPOJ

## ALICANTE

La pasintan 12-an de Februaro, okazis en tiu ĉi mediterranea urbo, la ĝenerala asembleo de la provinca esperantistaro, kunligita al Esperanto-Grupo de Alicante. Tiu grava esperantista evento, havis kiel sidejo la 1a Kulturan Domon en strato Onésimo Redondo, 23, kie proksimume kvindeko da gesamideanoj atestis per sia ĉeesto la fervoron, kaj entuziasmon por nia movado. Glate fluis la diversaj pritraktataj punktoj, inter kiuj elstaris la informado pri la pasintjaraj aktivecoj de la grupo. Oni diskutis pri la diversaj programeroj efektivigontaj dum la tuja estonteco. Pro renovigo de kelkaj membroj de la estraro, estis voĉdonitaj kaj akceptitaj jenaj respondeculoj.

| | |
|---|---|
| Prezidanto | Rodolfo Canet Marín |
| Vicprezidanto | Francisco Zaragoza Ruiz |
| Kasisto | Miguel Manteca López |
| Sekretario | Francisco Sánchez Antón |
| Bibliotekisto | Manuel López Serna |
| Voĉdonantino | Elisa Pedrero |
| Voĉdonanto | José M.ª Bernabeu Franco |

Post fino de la kunveno, preskaŭ ĉiuj partoprenintoj rendevuis ĉe restoracio "Freiduría Sevillana" en gaja kaj amika interfrata vespermanĝo, kie ni profitis la varman klimaton por paroladi, eĉ la paroltimemuloj, en la Zamenhofa lingvo. Rimarkinda estis la ĉeesto de Moisés Dávila, direktoro de la muzika ĉefensemblo de la urbo, kiu estis honore invitita pro lia profesia sinteno antaŭ la pasinta Esperanto-Kongreso en Alicante.

Unu el la programeroj estis la estonta Renkontiĝo de la regiona valencia esperantistaro, kiu okazos, kiel kutime, dum la maja monato, ĉe la gastigantaj urboj Cullera aŭ Cheste; ankoraŭ decidota de la valencia samideanaro.

---

En Alicante, funkcias Esperantan Kurson ĉe la sidejo de la Grupo, kies lerta gvidanto S-ro Bayo atenteme prizorgas la akuratan lernantaron.

---

Novaĵo en Benidorm estas la nuntempa originala Esperanta Kurso klarigata de nia elstara sindonemulo S-ro Miguel Manteca, ĉe la urba biblioteko.

Ĝi celas havigi al la Esperanto-movado novbakitajn esperantistojn dum la rekorda tempo de du semajnoj da ĉiutaga intensa instruado. Antaŭen kaj bonan sukceson.

## HEF-JUNULARA ESPERANTISTA RESTADEJO-HEJS

Camino del Pou s/n - MONISTROL DE MONTSERRAT
*Konstanta adreso:*
S. Aragay, Bassegoda 40-3-1.ª
Barcelono-14, tel. 333,80,81.

Dum la lasta finsemajno de februaro, 28-an kaj 29-an vizitis nian restadejon la skolta grupo "Rafael Tasis" de Barcelono.

Kvar roveroj kaj dek unu lupidoj de la menciita grupo reorganizis siajn kadrojn kaj planis estontajn ekskursojn por la venontaj monatoj. Post la vespermanĝo de la sabato, okazigis apud la Restadejo, sub la ĉielaj steloj, tendarfajron. La roveroj kaj lupidoj organizis kaj rolis etan teatraĵon, kantis kaj dancis popularajn kanzonojn, rakontis spritaĵojn kaj ŝercon tiel amuze kaj simpatie, ke aliaj ekskursantoj, kiuj rigardis la tendarfajron vole ne vole partoprenis en diversajn ludojn.

Dimanĉon matene, post abunda matenmanĝo, la skolta grupo ekskursis tra la ĉirkaŭajoj kaj adiaŭis nin.



## INTERNACIA LIGO DE ESPERANTISTAJ INSTRUISTOJ

Hispana Delegito. Prof. Francisco Zaragoza, Queipo de Llano 18
CALLOSA DE SEGURA (Alicante).

Multaj profesoroj respondis nian alvokon, kaj de 39 aliĝintoj ni estas nun 68 ILEI-anoj. Tamen, estas necese, ke pliaj Profesoroj de la esperanta familio aliĝu al ILEI por kunlabori kaj interrilatiĝi en la sino de la Ligo. Kaj ankaŭ gvidantoj de kursoj, devas aliĝi, ĉar iliaj spertoj kaj nia laboro kompletiĝas en la atingo de nia komuna celo.

Post la granda sukceso de ILEI-Konferenco en Humlebaek (Danlando), oni decidis elekti kiel novan konferenclokon "San Marino". La Hispana Televido, en ĝia tagmeza elsendo, informis pri la ekzamenoj por havigi la elementan Diplomon de Esperanto, en la urbo Callosa de Segura. Ili okazis plensukcese. Partoprenis, aparte granda nombro da publiko, 35 kandidatoj el kiuj 27 sukcesis.

## DEZIRAS KORESPONDI

- N. Stefanov, Sofia 2,1202 Bulgarujo, ul. Kiril i Metodi 4.
  Interesiĝas pri Hispana Literaturo.
- Maryla Pielak, 08-404, Górzno Kol, Polujo.
  Kolektas bildkartojn, poŝtmarkojn kaj insignojn.

— Istvanavie Jasma, Bózidava Adrije 2-a, Bjelovor, Jugoslavio. 10-a jara lernantino, kolektas poŝtkartojn.
— Kadlecsik Eva, 8100. Varpalota, Schönkenz. Z.u.2 2/5 Hungario. Petas korespondadon kun knabo aŭ knabino ĉirkaŭ 13-14-jaroj.
— A. Kneslova, promociita historiistino, S Z K 68201 Vyškov u Brna Havlíčkova str. Ĉeĥoslovakujo.
— Maria Marosvian, 2030 End, Banackfa u. 252 Hungario.
— Töke Erzsébet 3532 Miskolc Bokréta út 6, III/3 Hungario. (21-jara studentino.)

## ESTRARO DE HEJS POR LA JARO 1976-a

| | |
|---|---|
| Prezidanto: | Miguel Angel Altuna, T. Ortiz de Zárate 21-6. Bilbao-3. |
| Vicprezidanto: | Miguel Gutiérrez Adúriz, Floranea 57, 2C. Santander. (Rilatoj kun TEJO kaj HEJS-Redaktoro.) |
| Vicprezidantino: | Mercedes Castro, Moncada 4-9. Bilbao-2. (Rilatoj kun la HEJS-Delegitoj.) |
| Sekretariino: | Laura García, Cataluña 5-1, izd. Basauri (Vizcaya). |
| Kasisto: | José Miguel Fernández-Zurbita, Gregorio de la Revilla 21-2. Bilbao-11. |
| Membroj: | Francisco Jiménez, Joaquín García Morato 152 bajos. Madrid-3. |
| | Llorenc Martí, Ribot i Serra 114. Sabadell (Barcelono). |
| | Francesc Ibáñez, Diputación 199. Barcelona-11. |
| | Conchi Lezama, Camino Trauco 21-3-dcha. Bilbao-7. |

## INFORMOJ PRI NIAJ SEKCIOJ DE HEF
## HISPANA ESPERANTA AŬRORO

Dum la pasinta jaro, niaj du ĉefaj aktivaĵoj estis, kiel kutime, la konstanta perkoresponda kurso de Esp-o kaj la publikado de nia brajla bulteno "Sukceso".

Ni disponigas al niaj membroj bonan bibliotekon kaj sonbendan servon, kiu enhavas kelkajn kongresprelegojn de eminentaj esperantistoj, legaĵojn en esperanto fare de diversaj eksterlandaj samideanoj, k.t.p. Tiuj sonbendoj ĉefe celas helpi la lernantojn de nia perkoresponda kurso, ilin ebligante aŭdi esperanton en malsamaj voĉoj kaj alkutimiĝi al la kompreno de la lingvo.

Kiel ni informis oportune en "Sukceso", nia prezidanto kaj alia membro de H.E.A. kune partoprenis la franca-hispanan renkontiĝon en Huesca.

Por interesigi pri esperanto la nevidantan junularon, ni preparis brajlan varbobroŝuron, kiun ni dissendos kiel eble plej baldaŭ inter la abonantoj de nia porjunula gazeto hispanlingva.

Ni travivas realan krizon de intereso pri kulturaj celoj, sekve ankaŭ pri esperanto; tamen, ni daŭrigos nian bataladon kun fido kaj persisto.

J. L. Lanchares
Sekretario

# LA 17-a INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO–SKISEMAJNO EN "LA MOLINA" (Gerono) HISPANIO

De la 8-a ĝis la 13-a de februaro okazis, en la famkonata Pirinea Montara Valo "La Molina", la 17-a I.F.E.S.: ĝin partoprenis 45 geesperantistoj devenantaj el Germanio, Francio, Italio, Belgio kaj Hispanio.

La abunda neĝo sur la skiterenoj estis ĝojo por la amantoj de la blanka sporto; tion, aldonita al la sunbrila vetero, estis la helpiloj de la organizantoj por atingi sukcesan skisemajnon.

Kvankam la programo estis provizore planita antaŭ la skisemajno, tamen, danke al la kunlaborado kaj bonvolo de ĉiuj partoprenantoj, la programo disvolvigis ĉiutage laŭ aprobo kaj interkonsento de la partoprenantoj mem. Eble, pro tio, la skisemajno trapasis en vera kamarada etoso kaj kontentiga por ĉiuj.

La unua ero de la programo estis la interkonatiĝa vespero, tamen, la unua grupo alvenis al la Franca-Hispana limo, dimanĉe matene je la 8-a horo. Do, ni improvizis viziton kaj piedpromenadon tra la urbo Puigcerdá; multe plaĉis al ili la natura lago de la urbo kaj la tipa bazaro, kie oni disvendas siajn produktaĵojn la kamparanoj mem. La belegan panoramon de "La Cerdaña" ĉiuj rigardis el la urba balkono. Por iomete ripozi pro la peidpromenado, ĉiuj estis invitataj en centra kafejo per aperitiva trinkaĵo por veki la apetiton; kompreneble, post tio, ni vizitis taŭgan restoracion, kie ni kunmanĝadis ege bongustan kaj abundan menuon. La dua grupo alvenis al "Puigcerdá" je la 14-a horo; ni aliĝis al ili, kaj ĉiuj kune, veturis al "la Molina" por partopreni la Fervojistan Skisemajnon.

Per aŭtobuso ni atingis la restadejon de U. E. C. (Unió Excursionista de Ctaluña), kie disvolviĝos la diversaj aranĝoj de la skisemajno, kaj kie tranoktos la plej multo el la partoprenantoj.

Post disdonado de dokumentaroj kaj distribuado de dormoĉambroj, iomete promenadis por ekkoni la ĉirkaŭaĵon de la restadejo. Vespere, okazis la interkonatiĝa vespero, kaj dancado ĝis la noktomezo, malgraŭ ke, la plej multo el la dancantoj veturis la tutan pasintan nokton. Lundon matene, ĉiuj veturis al la skiterenoj por ekkoni la kvaliton kaj bonstaton de la neĝo; ĉar la vetero estis sunbrila kaj la temperaturo ne tro malvarma, ĉiuj, restis skiante ĝis la lasta momento revenantaj al la Restadejo por tagmanĝi. Posttagmeze, kelkaj ankoraŭ reiris al la skiejo por ĝui sur la neĝo ĝis la sunforiro.

Vespere, okazis filmprezentado kaj diversaj ĉambroludoj ĝis noktomeze. Tamen, laŭ opinio de la gejunularo, ankoraŭ estis tro frue por enlitiĝi, kaj grupe iris al la tre proksima dancejo kie oni dancis ĝis frumatene. Reveninte al la restadejo akompanis la grupon 2 grandegaj hundoj "San-Bernardo" kiuj tuj amikiĝis kun la esperantistoj.

Mardon matene okazis la skikonkurso por komencantoj; ĝin partoprenis 8 personoj. La venkinto estis Julien Orti el Francio.

Postmagmeze preskaŭ ĉiuj reiris al la skiejoj por ĝui la agrablan veteron skiante kaj samtempe sunbanante la nekovritan haŭton. Vespere oni prezentis du filmojn pro pasintaj IFEF-Kongresoj, kaj sekve, ĉiuj partoprenis en la amuzaj ĉambroludoj, kiuj multege ridigis la ĉeestantojn.

Merkredon matene ĉiuj supreniris pere de seĝoliftoj al la pinto de la skiejo, kie la neĝo estis pli abunda kaj bonega por skiadi. Ĉi tie okazis la skikonkurso por la spertuloj; ĝin partoprenis 20 konkursantoj kaj la venkinto estis Joseph Chuiton el Francio, inter la viraj partoprenintoj kaj Ginette Bizeray, inter la partoprenintinoj.

Posttagmeze, sur la herbejo, antaŭ la restadejo, kaj subĉiele, oni organizis diversajn ludojn; kiam la suno malaperis, la malvarmeta temperaturo forigis la partoprenantojn internen de la restadejo, kiuj baldaŭ ĉirkaŭis la allogan bruligantan lignan kamenon.



Antaŭ la vespermanĝo okazis la Oratora E-Konkurso; ĝin partoprenis 22 personoj. La parola tempodaŭro po persono estis 2 minutoj. La venkinto estis Gunter Doliwa el Germanio.
Vespere okazis la karnavala balo; ĝin estis vera sukceso, ĉar multaj kaj belaj originalaj vestaĵoj partoprenis la konkurson; dum la maska balo, gaje kaj vigle dancis la konkursantoj ĝis la noktomezo. La venkintoj estis gesinjoroj Poisson el Francio, kiuj surmetis originalan papilian vestaĵon. La plej junaj ankoraŭ havis kuraĝon por iri al la dancejo kaj daŭrigi la dancadon ĝis frumatene.
Je jaŭdo matene, estis libera tempo. Multnombraj estis tiuj kiuj profitis la tempon por viziti la urbon "Ripoll", kaj ĝiajn tre interesajn monaĥejojn kaj regionan muzeon. Aliaj vizitis "Puigcerdá" kaj aliaj tute simple kartludis, ripozis sub la brilanta suno por brunigi sian haŭton.
Post la vespermanĝo okazis Junularan Vesperon; dum ĝi, estis elektita "Fraŭlino IFES-1976" kaj ankaŭ "La plej belaj virkruroj". Post longa pripensado estis elektita "F-ino IFES-1976" Martine Horn el Francio; laŭ la decido de virinaj juĝantinoj, la plej belaj krujoj apartenis al José Molina el Hispanio.
Finfine okazis la disdonado de premioj al ĉiuj partoprenantoj el la diversaj konkursoj. Feliĉe la organizantoj havis premiojn por ĉiuj. Do, ĉiuj estis kontentaj kaj finiĝis la festo, amike kaj gaje.
Vendredon matene estis libera por pretigi la valizojn kaj ĝui la lastajn horojn de la plena sunbrila vetero. Tagmeze okazis komuna fotografado, kaj sekve la adiaŭa bankedo dum kiu la partoprenantoj bonege faris la honoron al ege bongusta manĝaĵo preparita de la mastro de la restadejo, "S-ro Pepito", kiu dum la tuta restado estis ege afabla, ĝentila kaj helpema por ĉiuj. Tutcerte, la partoprenantoj en la 17-a IFES gardos bonan memoraĵon pri "S-ro Pepito". Post du horoj de gaja manĝado kaj trinkado, la partoprenantoj preninte siajn manojn unuj la aliajn, kantis ĉirkaŭrondante la longan tablon, la "Adiaŭan Kanton".
La definitiva adiaŭo okazis kiam la trajno alvenis al la stacio de "La Molina". Preskaŭ ĉiuj promesis novan renkontiĝon dum la venonta SKISEMAJNO okazonta en Francio, por daŭrigi la amikecon, kiu kutime regas dum la Internaciaj Fervojistaj Esperanto-Skisemajnoj.

Devis

---

# NI LEGIS POR VI

**TAMEN CIVILIZITAJ kaj NEĜOBULO, du komedioj de Carles Soldevila. El la kataluna originalo tradukis en Esperanton. L. Mimó, 120 paĝoj, formato 12 X 17 cm, broŝurita. Eldonis Ediciones Riutor, Sabadell. Presis: E. Moreno Medrano, Barcelono. Prezo: 200 ptoj.**

Jen du titoloj ekvivalentaj al la originalaj "Civilezats tanmateix" (Sin embargo civilizados) kaj "Bola de Neu" (Bola de nieve).
La unua komedio: "Tamen Civilizitaj", temas pri getriopo, kiu devis fronti urĝajn problemojn, eĉ seksrilatajn, en la izoliteco de Oceania insulo, kiun ili elektoĝis post subakviĝo de ŝipo.
La dua, "Neĝobulo", estas tre aktuala satiro pri la modernaj "ismoj" en pentrarto kaj pri la bumeranga efiko de la propagando.
La tradukinto celis pruvi, ke Esperanto estas uzebla kaj uzenda tute regule, konforme al la tezoj kaj reguloj prezentitaj en lia antaŭa verko "Kompleta Lernolibro de Regula Esperanto", kaj certe el tio rezultis klara kaj simpla stilo, kiun oni povas konsideri modela. Altiras la atenton la vortoj: "sciemo" (curiosidad), "okazaĵo" (efemérides), "ĝisveno" (llegada), "intersekvaj" (sucesivas), "sedo" (objeción) kaj "kunpartumi" (compartir).
Fine estas menciinde, ke onin ĝenos malmulatj preseraroj. Krom la jam indikataj en la libro. Mi nur notis "anamiĝi" por "enamiĝi" kaj "per" anstataŭ "por", respektive sur paĝoj 83 kaj 89, kiuj preseraroj enŝoviĝis en la tekston, malgraŭ la sperta mano de la presisto, nia samideano Moreno Medrano, esperantista veterano de Barcelono.
Resume, verko lingve eksterordinare altnivela kun enhavo tre sprita kaj plaĉa.

**V. Hernández Llusera**

# VORTAJ NUANCOJ

*(unua parto, en la antaŭa Bulteno)*

*Ludoviko de Yzaguirre*

*Ankaŭ ĉi-foje mi prezentas diversajn problemojn. Mi supozas, ke ĉiu leganto, kiu kontrolus miajn asertojn ĉe PIV. konsentos, eĉ kunsentos, ke mi mistifikas neniun.*

**Unue,** *mi deziras atentigi la legantaron pri la diferenco inter* "malvarmo" *kaj* "frosto". *Ĝi temas pri gradigo, t.e., ke malvarmo indikas ĝenerale la "senson, kiun kaŭzas la manko de fajro, la proksimeco de neĝo, ktp", kaj frosto montras konkrete "malvarmon tiagradan, ke ĝi glaciigas la akvon".*

**Due,** *ni konstatu, ke, dum* "varmigi" *ĝenerale signifas 'fari iun aŭ ion varma', per* "hejti" *ni konkrete esprimas 'per-aparatan varmigadon'. Sekve, tiu mura ilo, kiu estas uzata por* **hejti** *la akvon por bano, nomiĝas* "banhejtilo".

**Trie** *la vortparo* "cirkonstanco / kondiĉo", *kiu malsimilas per tio, ke cirkonstanco estas 'detala apartaĵo, kiu* **akompanas** *agon, situacion', kaj kondiĉo estas 'fakto, de kiu* **dependas** *la efektiviĝo de io'. Ekzemple, la inkokoloro, per kiu oni presas tiun ĉi artikoleton, estas ĝia cirkonstanco, sed ne ĝia kondiĉo.*

**Kvare,** *ni parolos pri la diversspecaj trompoj. Kiam vi* "trompas" *iun, vi 'intence erarigas tiun por via profito aŭ pro nura malico'. Tio ĉi estas kompreneble malpli mallaŭdinda ol* "perfido", *t.e., 'mallojala endanĝerigo', kaj ambaŭ pli malaprobindaj ol "mistifiko", tio estas, la fakto, ke oni 'ŝerctrompas iun, trouzante lian kredemon'. Ĝis ĉi tie, mi senhezite scias, kio estas pli, kaj kio malpli riproĉinda, sed mi lasas al la legantoj la taskon juĝi, ĉu* "kokri", *t.e., 'sekse trompi', estas mallaŭdenda aŭ aplaŭdinda afero.*



*Kaj por fini la serion, ni informiĝu pri la nuancoj inter* "akordo", "konsento", *kaj* "kunsento". *Akordo estas 'sameco de sentoj aŭ opinioj' inter du aŭ pluraj personoj konsento estas 'samopinieco' inter personoj, kaj kunsento estas 'simpatio'. Akordo montras naturan kutimon komunecon de opinioj, ankaŭ konsento indikas komunecon, sed nur pri speciala punkto kaj akiritan nur post hezitado aŭ diskutado. Tial, lau mia opinio, ĉe Unuiĝintaj Nacioj povas okazi ĝenerala konsento, sed neniel ĝenerala akordo, kaj neniam ĝenerala kunsento. Ĉu?*

## 28-a KONGRESO DE IFEF, SKELLEFTEA-SVEDUJO
### 11-a ĝis la 18-a de junio

***Provizora Programo:***

| | | |
|---|---|---|
| Vendredon | 11. | Akceptejo malfermita kaj Gazetara Konferenco. |
| Sabaton | 12. | Kongresejo Malfermita "EDDA HALLEN" interkona vespero. |
| Dimanĉon | 13. | Diservo. Solena Malfermo. Folklora vespero. |
| Lundon | 14. | Kunsidoj. Kunevoj. Fakprelegoj. |
| Mardon | 15. | Junulara Kunsido. Forumo. Oficiala akcepto. |
| Merkredon | 16. | Estrara Kunsido. Duontaga alsiorio |
| Jaŭdon | 17. | Plenkunsido. Socialaj ekskursoj. |
| Vendredon | 18. | Tuttaga ekskurso. |

*Petu pliajn informojn* rekte al: Hispana Esperanto Fervojista Asocio, Ronda San Antonio 46-50-2-4.ª. Barcelono-11.

---

# Kunordiga Komitato en Katalunio de H.E.F.

Dum la lasta dimanĉo de Februaro, tagon 29-an, kunvenis en la sidejo de C. E. S. la komitatanoj de K.K.K. kaj la reprezentantoj de la E-grupoj de nia regiono, kun la celo organizi la jaran Katalunan Renkontiĝon. Post informado de la sekretario pri la lastaj kontaktoj kun la urbestro de Valls, decidis prepari viziton al la menciita urbo por taŭge konstati la nunajn eblecojn. Pro tio, komisiono formita de: José Franquesa, L. Hernández Yzal, P. Casanoves kaj S. Aragay vizitis dum la unua semajno de marto la urbestron de Valls S-ro Román Galimany. Tre afable li akceptis nian komisionon kaj kunkune planis la programon por la 18-a KATALUNA ESPERANTISTA RENKONTIĜO, kiu okazos en Valls dum la tagoj 18-a kaj 19-a de septembro. La urbestro akceptis ankaŭ eldoni Esperantan broŝuron pri la urbo.



# Ni, la esperantistoj! (II)

Kian originon havis la lingvo Esperanto? La unuaj spuroj de ĝia naskiĝo estas montrataj per la sekvantaji versoj:

"Malamikete de las nacjes
Kadó, kadó, jam temp'está!
La tot'homoze in familje
Komunigare so debá."

(Kio en la nuna Esperanto signifas: "Malamikeco de la nacioj falu, falu, jam tempo estas! La tuta homaro en familion unuiĝi devas".)

Tia estis las naskiĝo de Esperanto. La unua kaj precipa celo de la lingvo Esperanto, laŭ ĝia iniciatoro Zemenhof estis la unuiĝo de la homaro kaj la forigo de la milito. La strofoj de la Espero klare mencias tion. Tamen, ĉu la esperantistoj sekvis tian mision? La agado, kiun montras la Espero —En la mondon venis nova sento, ...— fakte nuliĝis. La enhavo de niaj publikaĵoj certigas tion, ĉar ili ne reflektas tian agadon.

La afero jam disvolviĝis tiele ekde la unua Kongreso de Esperanto ĉe Boulogne-sur-Mer en la jaro 1905. En tiu kongreso, la penso de Zamenhof forte kontrastis kun la ĝenerala etoso de la tiamaj esperantistoj. Ili, vivantaj en medio de ĝenerala naciisma ŝovinismo, ne povis kompreni la spiritan pacismon de Zamenhof. Tion ili konsideris stranga afero de juda religiemulo. La Esperantismo konkretiĝis en la nura lingvo kaj la paca afero restis ne kiel agado sed kiel nebula vaga sopiro, nura senefikeca sentimentalismo.

Ĉu la tiamaj esperantistoj kongresantaj en Boulogne-sur-Mer pravis por ĉiam? Ili eĉ ne antaŭvidis la siantempan gravecan historian situacion. Baldaŭ, en 1914, eksplodis la unua tutmonda milito. La uragano de la ĝenerala milito forbalais ĉian pacismon, kaj la esperantistoj restis preskaŭ mutaj. Kelkaj, Privat kaj Hodler en Svislando agadis por helpi la militviktimojn kaj Zamenhof en 1915 pledis en la "Alvoko al la Diplomatoj" por Unuigitaj Ŝtatoj de Eŭropo, ĉar post tiu unuiĝo —"malaperos la ĉefa kaŭzo de militoj kaj de konstanta reciproka timado kaj senfina armiĝado, ĉar tiam oni jam neniam kaj nenies povos diri, ke "la patrujo estas en danĝero""—Z.

Zamenhof mortis dum la milittempo kaj poste la milito finiĝis. La ideo por unuigitaj ŝtatoj de Eŭropo ne realiĝis. La pasinta sperto de la milito taŭgis por nenio. La samaj faktoroj, kiuj kondukis la mondon al la unua ĝenerala milito, nek estis forigitaj nek estis anstataŭitaj per aliaj faktoroj kulturaj kaj moralaj, kaj eĉ organizaj kapablaj haltigi la kreskantan bulon de la militemo al la malsupreniro per la deklivo al la dua mondmilito.

Venis kaj forpasis la dua milito, sed en kia situacio restis la mondo? Kvazaŭ estus okazinta nenio, la antaŭenirado de la historio daŭras kiel ĉiam. La paca afero kuŝas nezorgita de iu ajn kaj ec de ni mem esperantistoj. Ni tro okupiĝas pri lingvaj kvereloj kaj bagateloj. En esperantistaj okazaĵoj, ni kantas la Esperon ordinare kiel ceremonion, kaj nenio plu. La alta grandega celo de la esperantismo la paca afero kaj la unuiĝo de la homaro, estas servata de tiel ternivela spirita anaro, ke ne estas strange, ke la afero esperanta entute, ne nur el paca vidpunkto sed eĉ el lingva disvastigado, stagnas. La manko de idealismo, la manko de la konscio, ke ni devas dediĉi nin al la plej alta celado kaj devo de nia tempo, nur generas pasivecon. La pioniroj de iu ajn ideo, kiu poste gravis en la historio, estis persistaj agantaj homoj, pretaj por sinofero, batalantaj eĉ super siaj fortoj, kaj ni, kiuj bedaŭrinde antaŭ la farenda tasko ankoraŭ restas pioniroj, neniel iros antaŭen sen tia entuziasmo, persistemo kaj konvinkiĝo kiujn nur povas doni la sindediĉo al tia meritinda tasko, kiel estas la interna ideo de la esperantismo. Ne pro tio, ke nia laboro ankoraŭ estas farota ĝi ne estas la plej aktuala el la aferoj.

Kiel statas la nuna homaro? El materia vidpunkto la mondo jam unuiĝis. Ni ĉiuj loĝantoj de la planedo Tero estas interdependaj. La ekonomio jam estas tutmonda, la fontoj de energio ankaŭ estas bezonataj tutmonde; kaj ankaŭ la afero paca aŭ milita fariĝis tutmonda. Neniu povas vivi izolita, eĉ kontraŭvole, ĉiu dependas de la aliaj kaj tiuj aliaj jam estas la tuta homaro. Dume, kion faras la homoj? Al la plej alta prospero de la scienco kaj la tekniko ili respondas per stagnado de la kolektiva kaj la individua moraloj. Ne ekzistas la konsciiĝo por kolektiva tutmonda agado. Eĉ la atomenergio, la plej alta konkero de la homa cerbo estas destinita al tiel nehumana dediĉo kiel la reciproka teruro. La menso de la homoj ankoraŭ restas katenita al pasintaj mensostatoj kiam la kondiĉoj de la mondo estis tute aliaj ol la nunaj. La granda krizo de la homaro pro la ebleco de memdetruado neniam antaŭe prezentiĝis. Kaj antaŭ tiel gravega danĝero preskaŭ neniu okupiĝas pri la afero paca. Oni ĝenerale ne volas agi por haltigi tiun tragikan destinon de la homaro. Vere, por tia tasko naskiĝis Esperanto, la lingvo portanta la mesaĝon de la paco kaj la unuiĝo de la homaro. Tial la nuna tempo necesigas nian agadon kaj ĝi fariĝis la plej granda aktualaĵo. Ni, la esperantistoj havu tian altecon, kaj la estonteco certe estos nia.

**G. M.**

---

**JUBILEO DE "ESPERANTISTA MIKROFONO" DE "LA VOZ DE LEVANTE"**

Pli ol dudek kvin jaroj pasis de kiam la Valencia Grupo de Esperanto komencis fari ĉiusemajnan elsendon, disvastigante nian lingvon.

Samideano J. Juan Forné, iniciatis ĝin, per la fervora inklino de M. Vidal Alonso, tiama Administranto de la Elsendejo.

Pluraj gesamideanoj formis la laborantaron, laŭvice, kaj D-ro R. Herrero, preskaŭ dekomence, redaktis la programojn: Informilo, Lernu Esperanton per Radio, kaj Esperantista Nova Jaro. Pli ol tricent propagandcelaj artikoloj formas arĥivon de nia dosiero, kaj multaj aliaj estis redaktitaj okaze de eventualaj faktoj aŭ okozintaĵoj rilatante al nia afero. Ĉiu evento havis sian komenton, kaj tial, en la Valencia Regiono, Esperanto estas konata, kaj ĉiuj scias ke ĝi ne "estis", sed "estas", kaj ke ĝi estas laŭleĝa kaj morala afero, kiun ĉiuj devas apogi kaj favori. Okaze de la festo de Esperanto, la Valencia Grupo omaĝis al S-ro. M. Vidal, favoranto de "Esperantista Mikrofono". Sur nia recenzo pri tiu festo ni priskribas ĝin.

Ni sugestas ke vi skribu amase gratulante S-ron M. Vidal, pro lia subteno al Esperanto, al la jena adreso.

Sr. Dn. M. Vidal
Director de "La Voz de Levante"
Avda. del Cid, 154
**VALENCIA**

# Riverŝtono

*—Ho Dio! Vi, kreinto de la temp',*
*agas kvazaŭ ne ekzistus la diurnoj.*
*Inter la eternec' kaj hom-distanco,*
*kaj malpli ol palpebrumado via,*
*adas*

*geologia epoko,*
*sagaj lumjaroj,*
*kristaliĝo de l' karbono,*
*fosiliiĝo de markonko,*
*entreprenado de neebla monda paco.—*

*Sed mi, egoisme, Vin admonas:*
*—Hastu, hastu!*

*Hazarde,*
*mi prenis el rivera bordo*
*globecan, glate fajnigitan ŝtonon*
*Ĉu dum kiom da jaroj daŭris ĝia polurigô-skulptigô?*
*Certe,*
*dum ĝi okazis*
*(ho miaj kvardek ... vivojaroj! )*
*multaj kaj plenaj suneklipsoj;*
*belegaj, densaj fal-stelaj pluvoj.*
*Kaj stalaktitoj, en mallum',*
*guton post guto,*
*neperceptеble —nevideble— torniĝadis*
*Aŭ miliardoj da promesoj homaj disiĝadis*
*kiel matenkrepuska nebuleto;*
*el ili restis eĉ ne unu kosma polver' mikrona.*
*Kaj el geaj amo kaj amoro*
*restas reenkorpiĝinta cindro*
*kaj sennombra ostar' enterigita.*

*Erode kaj persiste*
*–artisme! –,*
*forlekado de l' akvo*
*kaj per la propra ŝtona stumbla ruliĝado,*
*dum mil jaroj*
*(du, tri, kvin aŭ centmil jaroj)*
*glatigis tre metie la surfacon duran.*
*Samtempe, kiel nun,*
*tra la senlima spaco, senripoze, la planedoj*
*–laŭ la senfina ekliptiko–, turniĝadis*
*por milde fasoniĝi plie*
*–kviete kiel sekretflustrado.*

*Sed, se okazis al la riverŝtono*
*pli ol centjara restado surplaĝa*
*(plurfoje! ) ĝis evento de superbordiĝo,*
*daŭre, rozuj' sovaĝa floris, intertempe.*
*Ankaŭ, sur grund' de neĝo kaj soleco*
*la edelvejsoj askete veluris.*
*La ŝtonoj restis ŝtonoj;*
*la suno ne kapablis ilin brunetigi.*

*Forpasadis cent jaroj –sed tio ne gravas.*

*Okazis tio dum la neniiĝo de mil jaroj*
*aŭ centmil jaroj –ĉar tio ne gravas.*

. . . .

*Ŝanĝiĝis nomoj kaj vizaĝoj de la homoj:*
*sed, daŭre ili, fidelece,*
*noktosonĝadis, tagrevadis.*
*krom ĉio-ĉi, ankoraŭ ne finiĝis*
*ekpalpebrum' de Dio!*

*Gabriel MORA i ARANA*

# LA PARALE-LISMO

Eble, niaj karaj legantoj sin demandos, kio estas "paralelismo"? Ni klarigu, ke ĉio en la vivo estas paralelismo! Jes, ĉio! Se ni rigardas ĉirkaŭ ni, tuj oni perceptas tiun realan fakton. Jen estas dekstra kruro, do la paralela estas la maldekstra kruro. Orelo dekstra, ankaŭ maldekstra. Tio koncerne la homan korpon, sed ankaŭ en ĉiuj fakoj de la politiko, religio, historio, k.t.p., ekzistas la paralela sistemo. Jen la "N.A.T.O.", paralele, la "Varsovia Pakto"; la "Eŭropa Merkato" kaj la "Komekon"; "Mia ›lukto" de Adolfo Hitlero kaj la Maŭzedonga "La Ruĝa Libro"; kaj tiele ĝis la senfineco...

Do, post tiu ĉi rezonado, ni konsterne konstatas, ke en la Esperanta Movado mankas tia Paralelismo. Se ni ne deziras perei, tuj ni reagu, kaj ni starigu tiun "ismon" ankaŭ en Esperantujo! Ni fondu paralelajn, instituciojn, ekzemple UEA kaj AEU, SAT kaj TAS, HEF kaj FEH, HEJS kaj SJEH, kaj cetere.

La "PoKoNo", tio estas, la Paralela Kongreso Nacia, nur akceptos la aliĝojn de tiuj kiuj parolas flue la Internacian Lingvon, sed rifuzos ĉiujn krokodilantojn. Ĉiu PoKoNa kongresano rajtos krokodili je tri nuraj vortoj, sed je la kvara, li (ŝi) estos enkaĝigita kaj eksponita en la zoologia parko de la Kongresurbo, kiel rara ekzemplero de krokodilinto.

La "PoA", t.e. la Paralela Akademio, aprobos nur paralelajn vortojn, ekzemple, ĉe la pronomaj la pluralojn por la 3-a persono: li = lili; ŝi = ŝili; ĝi = ĝili; li plus ŝi = geili; por suspektinda viro (= iŝli); kaj por ne ina ino (= ilŝi): jen la perfekta pronomaro! Ekde la jaro 1887, ni uzas la prepozicion "je", kies senco estas nedifinita kaj kiun oni ĉiam prenas kiel rimedon, kiam la senco ne montras klare, kia prepozicio konvenas, sed por verbo, adjektivo aŭ substantivo, neniu termino ekzistas; do, la PoA kreos la novan esprimon "ĉikilindongi", el kiu ni derivos la vortojn "ĉikilindongas", "ĉikilindongo", "ĉikilindongu"... uzataj por ĉiuj sensencaj konkretaj ideoj.

La "Fluganta Krokodilo" estas la paralela "Boletín". Nia himna teksto, la sama, sed la muziko alia plej moderna sen militista takto.

La esperanta vorto "Esperanto" estis kreita de d-ro L.L. Zamenhof; "planlingvo" de la terminologo kaj esperantologo Eŭgeno Wüster; sed la koncepton "Paralelismo", post multjara profunda cerbumado scienca, malkovris nia Ekscelenca Kavalira Sinjora Moŝto Adoniso (ne la Dio de la vegetaĵaro ĉe la Fenicoi Helenoj kaj Romanoj) sed akademiano de PoA.

Simile, ni fondu jenajn organizaĵojn: la PoMo (Paralela Movado); la ViPo (Vortaro Ilustrita Plena, kun belaj fotoj de senvestaj junulinoi. tiel la vortaro estos multe pli konsultata); la PoFo (la Paralela Flago, kie la "verda" koloro estos vere "nigra"; la PoPo (la Paralela Poezio) jen modeloj:

unua: Perfekta harmonio
de la Paralela Akademio.

alia: Ho, vidvino bela,
en kongresurbo ni amikiĝis;
post ŝvita laboro pena,
ni ambaŭ ĉikilindongiĝis!

Ni finu nian demonstradon konsilante al vi, ke vi laboru entuziasme, energie, sane, mone, ĉikilindonge kaj paralele por la paralela Paralelismo! Vivu Paralelanoj!

TAKOLO

Gloso
Krokodili = paroli nacilingve en esperantista medio.

## DONATIVOS PARA EL F. A. L. P.

Fondo para la adquisición del local
en propiedad

| | |
|---|---|
| Suma anterior | 506.442 |
| Emilio Folgado López | 1.000 |
| Kataluna Samideano | 3.500 |
| Pedro Núez Pérez | 1.200 |
| Grupo Esperantista | 2.000 |
| En memoria de M.ª G. M | 50.000 |
| Abelardo Benet Pillado | 1.000 |
| Guillermo Bosch Fornals | 500 |
| Total | 565.642 |

* *

## DONATIVOS PARA EL BOLETIN

| | |
|---|---|
| Suma anterior | 2.525 |
| Concepción Casado | 100 |
| Raimundo Ibáñez Crespo | 50 |
| Angel García Brañanoba | 50 |
| Fernando Fernández Méndez | 50 |
| Tage A. Pettersson | 50 |
| Juan Martínez Mauri | 100 |
| Emilio Folgado López | 250 |
| Joaquín Comas Auguet | 50 |
| Fermín de Urmeneta y Cervera | 250 |
| Antonio Costa Bonet | 75 |
| Antonio Pastor Zarraonandía | 50 |
| Manuel de Elezcano Maiztegui | 50 |
| Manuel Cos Serra | 150 |
| José Ventura Freixas | 50 |
| José Lerroux Torres | 50 |
| Jacinto Martín Lozano | 100 |
| Pedro Núez Pérez | 300 |
| Giordano Moya Escayola | 100 |
| Fernando de la Torre Rguez | 500 |
| Jesús Muñoz Gil | 10 |
| Vicente Alfonso Díez | 50 |
| José Palmero Pérez | 50 |
| Víctor Ortiz Gratal | 250 |
| Guillermo Bosch Fornals | 250 |
| Liberto Fort | 50 |
| Total | 5.560 |

## NUEVOS «DUMVIVAJ MEMBROJ»

Núm. 22. Antonia Urgellés (557)
Núm. 23. Fernando de la Torre Rodríguez (609)

* *



## SOCIOS PROTECTORES DE H. E. F. PARA 1976

16. Juan Martínez Mauri (1433)
17. José Lerroux Torres (373)
18. Giordano Moya Escayola (180)
19. Jesús Maynar Duplá (2196)
20. María Pí Cuchí (2197)
21. Juan Régulo Pérez (36)

* *

(Los «gesamideanoj» que, habiendo satisfecho ya sus cuotas de «socios abonados» para el presente año, deseasen figurar como «socios protectores para 1976», deberán remitir la diferencia de cuota, es decir, 150 pesetas.)

* *

### CUOTAS DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

**Dumviva Membro:**
**5.000 ptas. una sola vez**
**Socio Protector:**
**400 ptas. anuales**

**Socio Abonado:**
**250 ptas. anuales**

**Socio Numerario (sin derecho a recibir el Boletín de HEF):**
**100 ptas. anuales**

# Al samideano Karlo Segura Domingo

*Kara amiko Karlo,*

*Tiun ĉi lateron, fakte, neniam vi ricevos; tamen, spirite, mense, jes. Vi bone scias, ke ĉiuj, kiuj konis vin, multe amis vin. Viaj gaja karaktero, humileco kaj bonkoreco, restos inter ni kiel bela ekzemplo.*

*Neniam plu vi partoprenos internacian, nek nacian, nek regionan kongresojn. Kelkaj rememoros pri vi, aliaj, eĉ vian nomon ne konas; tamen, tute ne gravas. Ni, kiel diras Edmond Privat en lernolibro sia, la homoj naskiĝas, vivas kaj mortas. Jen la reala historio de la Homaro.*

*Sen lasta adiaŭo, vi forlasis familianojn kaj geamikojn, en ĉi nenormala mondo, kie la homoj kverelas, diskutas kaj eĉ militas.*

*Kiam en nia Esperanto-Grupo oni anoncis al mi vian forpason, mi tute ne kapablis kredi tion; eĉ dum kelkaj tagoj mi havis la senton, la impreson, ke tio, kion mi aŭdis, estis nur sonĝo. Ne plu ni konversacios nek revidos nin.*

*Eble iu opinios ne konvena aŭ malrespekta sciigi vian lastan dormon for la rubriko "nekrologoj". Sed mi opinias, ke enkadrigi nomon en tiun fakon, estas malĝoja afero. Kaj vi ne meritas tion, vi kiu kvankam 81-jaraĝa, estis gaja, simpatia, humila, tolerema kaj afabla. Ciuj, kiuj estas tiel kiel vi estis, meritas nian omaĝon. Vi restis fidela ĉiam al nia kara Internacia Lingvo, ekde la unuaj jaroj de la nuna jarcento, kiam vi aniĝis al la barcelona Grupo "Paco kaj Amo", kie vi pasigis la plej longan periodon de via junula vivo, kie vi havis vian esperantan familion, kie vi konatiĝis kun via estonta edzino, ĝis post la bedaŭrinda enlanda hispana milito, kiam denove vi partoprenis en la Esperanto-Movado.*

*Vi estis nek elstara prelegisto, nek esperantista korifeo, tamen jes vera samideano, plena da frateca amo, emociema kaj sentema.*

*Jen mia lasta letero al vi.*

*Via sincera ĉiama amiko,*

*Petro Nuez.*

# Frateco de Zaragoza

En la ĉiujara Ĝenerala Kunsido pasintan februaron, oni konsentis organizi en la societo Frateco, sportan sekcion, kun la intenco partopreni en seriozaj konkuroj por aŭdigi la nomon Esperanto. Ankaŭ organizi ekskursojn kune kun "Montañeros de Aragón"

Okazis en frebruaro, la 17-a I.F.S. en la Molina (Gerono), kaj en tiu Renkontiĝo partoprenis familio Gimelli el Italio. Tiu familio organizis la antaŭan Skisemajnon en sia lando. Post la fino de tiu Renkontiĝo en "La Molina", gesinjoroj Gemelli venis en Zaragoza-n por viziti la urbon kaj kontakti kun la zaragoza esperantistaro. Tio, kio plej plaĉis al ili, estis la kastelo "La Aljaferia", kie de antaŭ longe, oni laboras por malkovri la tre gravan artaĵon, kiu estas kovrita de antaŭ jarcentoj per muroj. Oni diras, ke post kvar jaroj, tia grava laboro estos finita, pro tio, gesinjoroj Gimelli diris al mi, ke ili revenos al Zaragoza post kvar jaroj por konstati, ke tiu grava laboro estos finita.

**Fratecanino**

# Biografia rubriko

## GALERIO DE ESPERANTISTOJ

En ĉi tiu fako de nia "Bulteno" aperos regule biografioj de forpasintaj elstaraj samideanoj, kiuj strebis por triunfigi la Internacian Lingvon. La ordigo de aperado signifos nek tempon nek meritojn. La detaloj de la vivado de la recenzitoj devas esti stimulilo por la nunaj esperantistoj, kaj ni esperas, ke ĉiuj ĉerpos viglecon kaj sindonemon por nia komuna celo, el la penoj de niaj antaŭintoj sur la vojo al la homa komprenemo.

## MARKO ZAMENHOF

La patro de la elpensinto de Esperanto meritas esti menciata en nia galerio de samideanoj, kvankam, dekomence, kiam la junan Ludovikon premis la realigo de la ideo por internacia lingvo, li tute kontraŭstaris lin. Naskiĝinta en 1837 en Tikocin —inter litva kaj pola landoj— Marko fariĝis instruisto kaj fondis lernejon en Bjalistok. Poste, li fariĝis profesoro pri geografio kaj modernaj lingvoj en gimnazio. Fine, li instruis germanan lingvon en la Reĝa Gimnazio de Varsovio.

Ĉar la mono mankis al li por subteni sian multenombran familion, li devis akcepti ĉe si kelkajn pensionanojn, kaj, eĉ, pro sia profunda kono de fremdaj lingvoj, fariĝi cenzuristo por eksterlandaj gazetoj —kio pruvas ke aŭtoritatuloj fidis je liaj kompetenteco kaj honesteco.

Li publikigis, samtempe, librojn pri geografio, kiuj trafis sukceson. Ludoviko estis lia plej aĝa filo, ĉe serio da ok pliaj. El ili, tri fariĝis kuracistoj. Ludoviko, okulisto; Henriko, dermatologo; Leono, otorinolaringologo, kaj Felikso fariĝis farmaciisto.

Marko estis serverkaraktera homo, sed, tre zorgema pri la edukado de siaj naŭ gefiloj, pri kies sano kaj instruado li penis, malgraŭ la malriĉa stato de la familio. Lia seka sinteno estis kompensata de la dolĉa karaktero de lia edzino —Rozalia— kiu dorlotis sian multenombran idaron. La profunda kono de Marko pri idiomoj estis, tutcerte, la bazo sur kiu Ludoviko starigis la fundamentojn de sia elpenso, nerealigebla sen tiu nepra kondiĉo. Tamen, por ke la filo ne malsukcesu en siaj studoj, li kontraŭstaris lian ideon pri konstruado de internacia lingvo, gvidata de tio, kion li konsideris sian devon, kaj, aŭtoritate kaj senapelacie, li forprenis kaj detruis ĉiujn notojn pri la estonta Esperanto, obstine kaj pacience elpensitaj de sia filo.

Ni scias, ke tiu perforto estis tute senefika, ĉar la fondinto de la lingvo rekonstruis kaj poluris la neforgesintan laboron, kiu estis sia violono de Ingres.

Tiaj estis la karakteraj trajtoj de Marko Zamenhof: klereco, seriozeco, sekeco, neŭtraligitaj de bonvolo, amo al siaj familianoj, kaj, elĉerpiĝo de siaj fortoj por zorgi pri ili.

Ni citas lin en nia galerio, ĉar li, kvankam frutempe —pro la cititaj motivoj— kontraŭstaris sian filon, poste li penis por la realigo de lia ideo, tiel kiel sia kunbopatro —Silbernik-kaj sia bofilino —Lara— kaj li fariĝis arda partiano de Esperanto, kaj unu el la unuaj parolantoj de la lingvo internacia.

Jam de longe li estis elpensante la publikigon de plurlingva proverbaro, kaj, fine, li sukcesis ĝin realigi en la rusa, pola, franca kaj germana. Li, poste, deziris ke tio estu ankaŭ tradukita en Esperanto, kion li faris, sub la gvidado de sia filo, fariĝinte, tiel, unu el la plej fruaj verkistoj tradukitaj en la internacia lingvo. Tiel, li aldonis tiun meriton al tiu esti la patro de la Fondinto.

Ni citas, nun, kelkajn proverbojn el lia kolekto:

Nur tiu ne eraras, kiu neniam ion faras.
Ankoraŭ neniu plaĉis al ĉiu.
Afabla vorto pli atingas ol forto.
Ĉiu "li" havas sian "ŝi".
Al la malamik' en kuro faru ponton kun plezuro.
Bato de frato estas sen kompato.
Al ĉiu besto plaĉas sia nesto.

Tiuj ekzemploj, pruvas ke la popola saĝo estas egala en ĉiuj kontinentoj kaj, samtempe, ke Marko Zamenhof ŝatis ĝin, kaj, tial, li deziris ke ili, plejparte devenante el la "Sentencoj de Salomono", konsistigu la kernon de la formiĝanta verkaro en la lingvo de sia filo.

CIRANO



# PROGRAMA PROVISIONAL DEL XXXVI CONGRESO ESPAÑOL DE ESPERANTO

## El Ferrol, 21/24 de julio de 1976

**21 de julio** 9 a 10'30 mañana: Entrega de la documentación a los congresistas.
- 11 mañana: Misa.
- 12 mañana: Apertura del Congreso. A la terminación del acto, fotografía oficial.
- 5 tarde: Reunión de la Junta Directiva de HEF con los Delegados. Reunión de las Secciones de la Federación.
- 8 tarde: Conferencia en español
- 10 noche: Fiesta folklórica en el Parque Municipal con asistencia de autoridades municipales.

**22 de julio** Excursión a San Andrés de Teixido, con comida en Cedeira, regresando por distintas playas de la comarca ferrolana.

**23 de julio**
- 9 mañana: Junta general de la Federación.
- 12 mañana: Visita a los arsenales.
- 4 tarde: Gira por la ría, con parada en algunos puntos de la misma.
- 8 noche: Conferencia en esperanto.

**24 de julio**
- 9 mañana: Exámenes. Reunión de la Junta Directiva de H. E. F.
- 11 mañana: Visita a la ciudad.
- 4 tarde: Visita a la Feria de Muestras.
- 8 noche: Clausura del Congreso.
- 10 noche: Banquete oficial.



CAPITANIA GENERAL DE LA MARINA – EL FERROL (LA CORUÑA)



## KARAVANO AL 61-a U. K. ATENO

La Kompanio "Viajes Marsans" decidis organizi karavanon al Ateneo kaj eldoni specialan flugfolion pri la 61-a U. K. Nun ni jan povas informi vin pri la jenaj detaloj: Eliro de Barcelono la 30-an de julio (vendrede) kaj reveno la 8-an de aŭgusto (dimanĉe); restado en Ateno pere de hotelo de unua klaso, klimatizita, kun dulita ĉambro kun bano kaj duonpensiono (tio estas: tranoktado, mantenmanĝo kaj unu ĉefa manĝo elektebla).

Petu informojn al nia Ĉefdelegito de UEA S-ro L. Hernández, D-ro Zemenhof 12, San Pau d'Ordal (Barcelono) aŭ rekte, "Viajes Marsans", Avda. Generalísimo Franco 443, Barcelona11.

Imprime: Gráficas I. González